





GIJON SEPTEMBRO-OKTOBRO 1.980

ASTURA ESPERANTO ASOCIO nº 16




## LA ĈEFARTIKOLO

La ĉefkompostisto de nia modesta gazeto ne estas grumblema, sed li ofte grumblas. "Verku artikoleton por nia frontpaĝo", li daŭre admonas min. Do, jen mi pretas lin kontentigi (kaj samtempe / min liberigi el liaj admonoj dum almenaŭ unu / du monatoj). Mi sidas ĉe mia skribotablo, antaŭ mia skribmaŝino, kaj... gape rigardas la blankan paperon, kiu lokita sur la skribmaŝina rulo arogante defias min: "Provu min makuli per tiaj stultaĵoj, kiuj ŝprucas el via malklera menso!", ŝajnas al mi aŭdi ĝian voĉon. Ĉu eble ĝi pravas, tiu paperaĉo, kiun mi facile povas disŝiri en mil pecoj? Ĉu el mia menso nur stultaĵojn mi sukcesas eltiri? Kaj, se estas tiel, kial, do, oni petas al mi verki? Nu, mi cerbumu kaj klopodu verki tian artikolon, kia subigu en plenan konfuziĝon tiun aĉan paperon (el kies blankeco, cetere, jam restas malmulte) kaj ĝi estu devigata humile genuiĝi antaŭ mi kaj petegi al mi indulgeman pardonon. Sed, je tiu okazo, ĉu mi povas esti pardonema? Ĉu ĝi meritas mian indulgemon? Ne! Tute ne ! Ĝi troplenigis mian paciencon kaj mi devas ĝin puni. Aŭskultu! Vi, aĉa papero, kiu kuraĝis provoki mian kleran kaj lumigan menson. Mi verkos artikolon, kiu tremigos vin; artikolon kies klereco kaj erudicio blindigos vin; artikolon pro kiu iam iu proponos mian nomon por la Nobel-premio.

Ĉu vi estas preta ricevi mian artikolon?!

NU, JEN ĜI!

ADONIS.

# NIA ANTENO

Jen rubriko, kiu jam de antaŭ kelkaj monatoj ne aperas. Do, decas ke ni resumu pasintajn okazaĵojn, kiuj koncernas nian Asocion ( kvankam ili jam ne estu "novaĵoj"! ) kaj ke ni informu pri la lastaj aktivaĵoj.

La 40-an Hispanan Kongreson de Esperanto, okazinta en Madrido de la 19-a ĝis la 24-a de Julio pasinta kaj pri kiu jam raportis nia S-ano Sacramento Collado, en la rubriko " Hispana Esperanta Vitralo " de la n-ro 15 de nia gazeto, partoprenis grupeto de niaj Gijón-aj gesamideanoj.

Ankaŭ en la 65-a Universala Kongreso, kiu okazis en Stockholm en la unua semajno de Aŭgusto, nia Asocio estis dece reprezentita per la ĉeesto de nia S-ano Julio Argüelles.

En la lastaj tagoj de Julio ni ricevis la viziton de S-ino Lilija Pavlova Koleva, el Sofio ( Bulgario ), kiu partopreninta nian 40-an Kongreson en Madrido profitis por turismumi tra nia lando antaŭ ol reenhejmiĝi. Ŝi gastis ĉe nia S-anino Argentina García Ceñal.

La ĉi-jara somero montriĝis sufiĉe aktiva en nia urbo rilate Esperanton, ĉar ankaŭ en tiu sama Julia monato, niaj S-anoj Santiago Mulas Gallego kaj Adonis González Meana estis petataj deĵori dum proksimume tri horoj kiel interpretistoj PER ESPERANTO inter pola grupo de speleologoj kaj la direktoro de la Nacia Parko " Covadonga ".

S-ro Petro Kolodziej, esperantisto kaj membro de tiu grupo, kontaktis nin kaj petis nian helpon, ĉar malgraŭ la fakto, ke unu el la membroj de la grupo ( precize la edzino de S-ro Kolodziej ) " scipovis " la anglan lingvon, samkiel ankaŭ la edzino de la direktoro de la Parko, ili tute ne sukcesis plene interkompreniĝi, nek klarigi - ĉiujn dubojn, kion tute glate kaj normale oni atingis PER ESPERANTO !

Kaj laste, jen la " novaĵoj " :

OKTOBRO.- Je la 3-a, vendredo, malfermo de la progresiga kurso de Esperanto gvidata de S-ano Santiago Mulas; En la 6-a, lundo, komenciĝas sub la gvidado de S-ano Julio Argüelles por-infana kurso de nia lingvo en la " Colegio Rey Pelayo " ; la 22-an, merkredon, oni inaŭguris komencan kurson en nia sidejo, en oportuna klasĉambro de la " Catedra de Extensión Universitaria ", kiun gvidas S-ano Faustino Castaño; fine, lundon, la 27-an, nia S-ano Antonio Román malfermas kurson por infanoj en la " Colegio Sagrado Corazón ", kie li deĵoras kiel instruisto de E.G.B.

SALUTON KAJ ĜIS !!

ADONIS G. MEANA

# Pri la esprimo "mia" en laborista buŝo

La kutimoj, la tradicioj kaj la eduko ricevitaj de la povantaj klasoj, altrudis al la homo esprimojn, kiuj nuntempe ne koincidas kun la evoluo de la socio. Ĉiu laboristo bone scias hodiaŭ, ke la koncepto pri posedo estas tre relativa kaj tiu posedo dependas de multaj kaŭzoj sociaj en kiu disvolviĝas nia evoluanta vivo, eĉ se tiu evoluo estas apenaŭ perceptebla, inkluzive eĉ se ĝi regresas en iuj konkretaj komunumoj.

La vorto "mia sinjoro" en la epoko de la sklaveco ne signifis, ke la sinjoro apartenis al la sklavo, sed male, ĝi signifis, ke la sklavo apartenis al la sinjoro, do la sklavo sin konsideris posedata de iu. Ĝi estis ĝusta esprimo en tiu epoko, kaj bone montris la cirkonstancojn de la tiutempa vivoformo.

Hodiaŭ la koncepto sklavo ne plu ekzistas, almenaŭ en la senco laŭ, kiu ĝi estis uzata tiutempe. Hodiaŭ la homo, la laboristo ĝenerale ne plu diras "mian sinjoron", ĉar laŭleĝe li apartenas al neniu. La demando estas, ĉu tiu esprimo tute malaperis?, ĉu li ne plu devos uzi la vortojn "mian sinjoron"?, ĉu ŝanĝiĝis la formo, sed la sistemo restas la sama?, ĉu laboristo, kiu nenion posedas rajtas diri "mian", ĉu vere "tio" "mia" apartenas al li? Estas evidente, ke ne ĉiuj personoj respondos samopinie al tiuj demandoj. Tiuj respondoj ja dependos de la socia situacio, en kiu li troviĝos kaj ankaŭ de lia mensa evoluo. Tamen, por la laboristaro nenion posedanta, nur estas unika respondo: la vorto "mia" tre malofte estas aplikinda en nia ĉiutaga vivo.

Kiam kastilia laboristo laboranta kaj loĝanta en Katalunio diras: "en mia kastilia tero", li absolute eraras, ĉar li ne posedis nek posedas kastilian teron. Kiam kataluna laboristo laboranta kaj loĝanta en Argentinio diras: "en mia kataluna tero", li ankaŭ tute eraras. Kiam kastilia kaj kataluna laboristoj loĝantaj kaj laborantaj en Meksikio diras: "en nia hispana tero", ambaŭ kamaradoj eraras, ĉar ili posedas nenion en Hispanujo. Tiom malmulte ili posedis, ke vole aŭ ne vole ili devis elmigri de la lando. Maksimume ili rajtas diri: "tie en Hispanujo, kie mi naskiĝis," aŭ "en mia naskiĝloko". Kaj bone vi scias, ke la naskiĝloko estas io, kion neniu elektas.

Se la adjektivo MIA, signifas posedo aŭ aparteno, ankoraŭ ĝi estas tre mal bone uzata en multaj aliaj momentoj de la laborista vivo. Mi havas kamaradon, iam laboranta en fabriko kaj kiam ni paroladis diversajn labortemojn, li ĉiam diris: "en mia fabriko". Ĉu estas "via" fabriko?, kial vi diras "mian" fabrikon?, mi demandis al li. Tiu esprimo ja estas malbona, malĝusta, li respondis: "fakte vi pravas, mi posedas neniun fabrikon". Kiam li estis maldungita, li ne plu parolis pri "mia fabriko". Eble nun li jam parolas pri alia fabriko "mia", se li sukcesis trovi laboron.

La laboristo, nepre devas konscii, ke li nenion posedas. En epoko de la sklaveco estis la mastro, kiu elektis la sklavon; hodiaŭ estas la sklavo, bonvolu legi la laboristo, kiu elektas la mastron, kiam al li oni permesas tion. Inversiĝis la sistemo. Povas esti, ke la rilatoj inter ambaŭ pliboniĝis iomete, sed la sociaj diferencoj daŭre ekzistas. Ni ne trompiĝu, ni nenion posedas, nenio apartenas al ni,

eĉ niaj vivoj dependas de la kapricoj de aliaj, se ni ne kapablas ilin defendi.

La vivo evoluas, la konscio de la laboristaro, malgraŭ multaj malfavorajoj, riĉiĝas, fariĝas pli batalema. Sed ankoraŭ hodiaŭ, tio kion ni posedas estas — nia lukto. Kiam ni sukcesos, kiam la ekonomiaj rimedoj kuŝos en justa sociordo, sen privilegiuloj, kiam egalrajteco estos fakto por ĉiu homo, tiam kaj nur tiam, ni povos diri: "mian teron", en "mia fabriko", ĉar la solidara kunvivado igos nin posedantoj de tio kion ni prilaboras.

Ofte la laboristoj izoliĝas en grupoj aŭ grupetoj, sub la konceptoj de "mia" lingvo, religio, regiono, nacio, k.t.p. Tio ja estas tre danĝera por laborista — lukto, ĉar kiam la laboristaro dividas — sin en grupoj, eĉ se inter la menciitaj grupoj ekzistas la plej bonaj rilatoj, — vole aŭ ne vole, oni favoras la kaŭzon — de niaj ekspluatantoj. Kiam laboristoj devenantaj de multnombra komunumo deziras ĉ propigi al si la fortojn laborantajn de la minoritatoj, certe ili agas erare, sed kiam la laboristoj devenantaj de minoritataj komunumoj izoliĝas, fermiĝas — en si mem, laŭ ili por savi sian propran identecon, ili ankaŭ agas erare. La laboristo apartenas al neniu granda aŭ malgranda komunumo. La laboristo apartenas al socia tavolo, kies celo estas la starigo de plej sociordo. Jen pro kio la laboristaro devas tre atente sin gardi kontraŭ la predikantoj, "ofte troviĝantaj en la laboristo mem", de tiuj doktrinoj, kies celo estas la divido de la laboristaj fortoj.

Hodiaŭ, en nia socio, ni nur posedas "nian lukton". Neniu tion forgesu, neniu — sin trompu.

LUIS SERRANO PEREZ
— SABADELL —



# ASTURAJ KANTOJ en Esperanto

## Asturias patria querida

Asturio, lando kun ĉarmo
Asturland', patruj' amata
Amata land', Asturio

Ni ne dubas pri tio, ke ja Vi ĉiuj — konas ( des pli Vi anoj de nia Asocio! ) nian mondfaman asturian himnon. Kaj certe ankaŭ Vi ĉiuj konas Esperantlingvan tradukon de tiu himno.

Ĝis antaŭ kelkaj tagoj Ni konis du tiajn tradukojn, nome: tiun de S-ro Julio Mangada Rosenörn kaj tiun de S-ro Alfredo Villa Villa sed jen precipe ekde tiuj menciitaj " antaŭ kelkaj tagoj " Ni konas novan tradukon, kiu verkita de S-ano Alcibiades González Meana atingis Nin por publikigo en " HELECO ".

Ni opinias, ke ĉiuj tri tradukoj estas majstraj, kaj ĉe poroksza elekto certe Ni dubos pri kiu estas la plej bona , kaj sekve adoptenda far Nia Asocio.

Nu, kvankam ekzistas nenia neceso adopti unu el ili, Ni decidis meti je Via konsidero tiujn tri tradukojn kaj petas — Vin bonvolu funde trastudi ilin kaj diri al Ni pri kiu Vi decidiĝos se necese. Dankon.

# Do, jen la TRI MAJSTRAJ TRADUKOJ:

* Asturio, lando kun ĉarmo,
mirinda, tute malglata.
Ĝin amas mi kun korvarmo,
kun sento tre delikata.

En monton mi suprenrampos.
Estas ja por ŝi la flor',
plej bela de ĝia kampo,
ĉu ĝi staru sur la kor'.
Cu ĝi staru sur la kor',
ĉu floron ne ŝatu ŝi,
estas ja por ŝi la flor',
floron supre prenos mi.

Traduko de S-ro J.Mangada

** Asturland', patruj' amata,
Asturland' de l'amo mia,
forgesi vin mi ne povas,
mi tenas vin en kor' ĉiam.

Mi supreniros al arbo,
en kiu kreskas la flor',
celata por l'amatino,
ke ŝi metu ĉe l'balkon'.
Se ŝi metas ĉe l'balkon',
se meti ĝin ŝi ne volos,
mi supreniros al arbo,
kaj mi deprenos la floron.

Traduko de S-ro A.Villa

*** Amata land', Asturio:
Vin amas mi tre korvarme!
Mi ĉiam esti deziras
en vi. Vi logas min ĉarme.

Mi suprengrimpos al arbo,
floron mi ŝiros de ĝi,
por la balkonon ornami
de la dolĉa fianĉin'.
Se la dolĉa fianĉin'
ne volus ĝin por ornam'
mi, spite, floron de l'arbo
ŝiri decidiĝis jam.

Traduko de S-ro A.González





















# HISPANAJ KASTELOJ

# KASTELO DE CUELLAR (Segovia)


Ĝenerala vidaĵo

Survoje el Valladolid al Segovia, en la meza vojo, proksimume, troviĝas Cuéllar, enmurigita urbeto, malnovega, el ibera kaj roma deveno.

Ĉe la eniro de la urbo, dekstrflanke de la vojiranto, sur monteto nomata " La Ciudadela ", elstariĝas la kastelo, kies konstruo efektiviĝis laŭ iniciato de D.Beltrán de la Cueva, Duko de Alburquerque, dum la XVa jarcento.

Ĉi tiu kastelo havas kvadratan sekcion kaj ĝiaj anguloj estas defendataj, tri el ili per cilindraj turoj ( unu el ili estis iamatempe kapelo ) kaj la kvara turo estas kvadrata.

Oni konsideras ĉi tiun kastelon kiel unu el la plej belaj hispanaj fortikaĵoj, miksita de palaca kaj soldata stiloj.

Interne estis luksega palaco kaj ekstere montras gotikan stilon, kun mudehara kaj renesanca detaloj.

La kasonaro de la supraj salonoj estas rimarkinda.

Dum la hispana milito pri sendependeco, la angla lordo Wellington, restis en ĝi kelkaj tagoj. Ankaŭ aliaj elstaruloj, kiel ekzemple la franca marŝalo Hugo, patro de la fama verkisto Victor, estis ĉi tie rifuĝita kaj la hispana poeto Espronceda, ekzilita dum kelke da tempo.

Kiam okazis la enlanda milito oni utiligis ĝin kiel karcero, kaj nun estas metilernejo, kaj oni laboras por plenumi la nunajn postulojn kiuj alportas ĉi tiun instruadon ( pliampleksigo de klasejoj, metiejoj, k.t.p., kapablaj por 360 lernantoj ).

Samtempe, oni laboras por ripari ĝin, sed tamen la laboroj disvolviĝas tre malrapide.

DIMANĈEZ


← Kastelo.Detalo

Ĥanna: Ĉu al vi? Al vi mi petos kompaton? Neniam. (Ŝi krias) Mi deziras apelacii!
Simon (trankvile): Post unu horo oni eligos vin por esti mortigita, vi povas skribi adiaŭan leteron al viaj parenculoj. Pretiĝu vin.
Ĥanna: Venigu al mi mian patrinon! Mian patrinon!

Simon eliras.

Ĥanna (krias post li kvazaŭ fiksita ĉe la pordego): Venigu al mi mian patrinon!....

Mian patrinon!
Ŝi falas sur la lito, kaj kovras sian vizaĝon. La lumo estingiĝas. Oni aŭdas sonon de tamburoj. Malfermiĝas la pordo de la ĉelo, kaj Ĥanna marŝas eksteren. Eniras la patrino, ŝi eksidas sur la lito, kaj rigardas antaŭen malvarme. Pasas kelkaj momentoj. Oni aŭdas pafadsonon. La patrino tremas kaj kovras sian vizaĝon per siaj manoj. Eniras Ĥanna, kiel iu kiu ne apartenus al tiu-ĉi mondo, ŝi metas sian manon sur la ŝultro de la patrino.

Ĥanna: Ĉu vi malĝojas, panjo?
La patrino (levas al ŝi sian kapon): Ĉu vi estas ĉi-tie, Annjo? Mi estis certa ke vi forlasis min....
Ĥanna: Ĉiam mi estos kun vi, panjo. Ĉu vi tre malĝojas?
La patrino: Nur mi pensis....
Ĥanna: Pri kio?
La patrino: Pri vi, Annjo. Mi pesis kia malmola estos por mi post kiam vi forlasos min. Kion mi faros, Annjo?
Ĥanna: Vi iros en mian hejmon, panjo. Vi vidos miajn paŝojn sur la mola sablo, la arbojn kiujn mi plantis apud mia tendo, vi aŭdos mian voĉon en la murmuro de la maraj ondoj.... (genuas apud ŝi) belaj tagoj estos tiuj-ĉi. Ne estos plu milito, kaj infanetoj ne estos mortkaptitaj de malbonaj homoj, kaj filino ne disiĝos plu el sia patrino. Ĉu vi memoras kion mi diris al vi foje pri la steloj?
La patrino (kvazaŭ sonĝanta): Estas steloj kies lumo alvenas al la tero nur post kiam ili estingiĝis kaj malaperis.
Ĥanna: Ĉu vi vidas tiun-ĉi lumo?
La patrino: Apud mi ĝi estas, Annjo, tre proksime nun.
Ĥanna: Nur kiam la homo estas sola, panjo, estas mallumo ĉirkaŭe. Vi sciu, kiam starigis min tie, apud la muro, estis momento de granda mallumo. Poste mi malfermis miajn okulojn kaj vidis - ne la soldatojn kun la fusiloj aldirektitaj al mi, sed - vin, vin kaj ĉiujn la kamaradojn, kiuj venis kune kun mi tra ĉiuj la vojoj - kaj lumo ĉirkaŭe estis. Mi sciis ke mi iros kun ili ĉiam, poreterne. Kaj mi ne timis. Ĉu mi kantos al vi mian lastan kanton, panjo?
La patrino: Kantu vi, Annjo.

Ĥanna: Feliĉa la alumeto kiu brulas kaj flamigas
Feliĉa la flamo kiu ardas interne de la koro
Feliĉa la koro kiu scias ĉesi kun honoro....
Feliĉa la alumeto kiu brulas kaj flamigas.

De malproksime oni aŭdas la kanton "Feliĉa la alumeto", pli kaj pli potenca. Ĥanna leviĝas, kaj kun ŝi ankaŭ la patrino. Ili ambaŭ staras dum longa momento rigardanta unu la alian. Poste Ĥanna sin turnas kaj foriras lant-lante, kvazaŭ supreniranta, ĝis ŝi malaperas. La patrino rigardas post ŝi, kaj levas post ŝi lant-lante ŝiajn manojn.

F I N O

# DISTROJ

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | O | M | E | N | I | A |
| T | O | F | O | S | I | O | K |
| E | P | U | F | O | D | N | E |
| B | A | N | K | O | Ĝ | E | S |
| A | N | I | M | T | Ŭ | G | A |
| L | A | O | L | I | L | U | L |
| D | K | A | I | L | E | N | O |
| O | S | T | R | A | V | O | S |

## Supo de literoj.

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de mebloj. Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale – en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## Movoj de kavaliro

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| AL 1 | SIN | PE | TAS | KO | NA |
| TAN | ★ | NA | PLE | ★ | KUN |
| ĜE | MOZ | TO | SA | RES | MAL |

Komencante per la silabo AL (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

**MOVOJ DE KAVALIRO:**
Ne ekzistas juneco sen kapricoj nek maljuneco sen malicoj.

**ABELEJO:**
1) Karato
2) Selako
3) Baroko
4) Koralo
5) Legomo 6) Kokino 7) Maniko

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| M | A | L | I | N | [illegible] | O | M |
| [illegible] | T | A | V | A | R | K | E |
| I | R | Ĉ | U | M | A | L | O |
| N | A | R | B | I | K | [illegible] | L |
| [illegible] | E | M | I | Z | O | S | E |
| E | Ĝ | I | J | U | Ĉ | U | O |
| Ñ | A | R | [illegible] | [illegible] | [illegible] | O | S |
| O | D | O | P | O | L | K | O |

## KRUCVORTENIGMO




HORIZONTALE KAJ VERTIKALE

1) La dudeka litero de la esperanta alfabeto.
2) Prefikso montranta la sekvantan supreniran aŭ malsupreniran gradon de parenceco.
3) Ordinara parolo ne aranĝita laŭ versmezuro.
4) Iri de loko al loko por plezuro aŭ sano.
5) Specio de mamuloj el la subordo de neparhufuloj, genro de ekvoj, proksima parenco de ĉevalo, sed kun longaj oreloj.
6) Frakcio kun numeratoro unu.
7) Romana cifero.

## ENIGMO

| | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 E | 2 E | 3 B | 4 F | 5 C | 6 C | 7 F | 8 C | 9 D | | 10 D | 11 B | | 12 E | 13 D | 14 G |
| 15 B | 16 A | | 17 C | 18 B | 19 G | | 20 H | 21 H | 22 G | 23 D | 24 C | 25 H | 26 E | 27 C | |
| 28 D | 29 D | 30 G | | 31 B | 32 E | 33 H | 34 A | 35 A | 36 F | 37 F | 38 H | 39 D | 40 E | | 41 C |
| 42 B | 43 F | 44 B | 45 C | 46 F | | 47 B | 48 E | 49 A | | 50 F | 51 A | 52 C | 53 A | 54 H | |
| 55 F | 56 C | 57 G | 58 E | 59 B | | 60 G | 61 C | 62 C | 63 C | 64 C | 65 A | | 66 C | 67 B | 68 D |
| | 69 A | 70 C | | 71 F | 72 C | 73 H | 74 F | 75 F | 76 H | 77 B | 78 G | | | | |

A) _34 _69 _49 _65 _51 _63 _76 Konjugacia tempo de la verbo eldoni.
B) _47 _77 _31 _42 _44 _15 _59 Konjugacia tempo de la verbo sciigi.
C) _66 _5 _6 _63 _45 _61 La patro de la avo; la plej malproksima antaŭulo.
Ĉ) _12 _52 _56 _8 _1 _24 _41 _70 _32 _64 _27 _17 _72 Loĝanta de eksterlando.
D) _68 _29 _28 _9 _10 _23 _39 _13 Konjugacia tempo de la verbo rakonti.
E) _40 _26 _62 _48 _7 _58 _2 Konjugacia tempo de la verbo alveni
F) _36 _4 _75 _50 _35 _74 _46 _43 _55 _71 _37 Tiu kiu ne estas inklina al pardoni.
G) _57 _19 _18 _60 _3 _11 _14 _78 Muzika blovinstrumento kun tasa buŝpeco.
Ĝ) _67 _30 _22 (Inverse).Ĉio vazo, kesto, skatolo, k.s., kio entenas likvaĵon aŭ objektojn.
H) _20 _76 _54 _38 _21 _73 _33 _25 Orda numero.